Dietrich, Nentau, Mährisch Austria

# Kio povas okazi,
## se oni donacas surprize.

de

**Fritz Reuter**

(Fric Rojt'r)

Tradukita el la subgermana dialekto

de

**E. Ĉefeĉ.**

UNUA ELDONO

LONDONO 1906:
Esp. Presejo F. MILDNER & K-o, 140, Clerkenwell Road, E.C.

# KIO POVAS OKAZI,
## se oni donacas surprize.

(Wat bi 'ne Aewerraschung 'rute kamen kann)

de

## Fritz Reuter
(Fric Rojt'r)

Tradukita el la subgermana dialekto

de

**E. Ĉefeĉ.**

Kun portreto de la aŭtoro kaj 15 ilustraĵoj
per OTTO E. LAU.

---

UNUA ELDONO

---

LONDONO 1906:
Esp. Presejo F. MILDNER & K-o, 140, Clerkenwell Road, E.C.



FRITZ REUTER

1810—1874.




Al siaj amikoj

kaj karaj gimnaziaj kamaradoj

REGISTARA KONSILANTO

# D-ro ADOLF RODEWALD

kaj

# LOUIS PETER

en rememorigo de la gaja senzorga juneco kaj de la ĵuro de nedetruebla amika frateco, farita la $9^{an}$ de Novembro en la jaro 1876, tiun ĉi tradukon el la Reuter-a muzo

tutkore dediĉas

E. ĈEFEĈ.

LONDONO, *Februaro 1906.*

# ANTAŬPAROLO.

Tradukanto ne estas aŭtoro. Tial al li ne estas permesite ŝanĝi aŭ aliformigi la tekston nur por fari ĝin pli facile komprenebla al ano de sia propra aŭ de ia aparta lingvo.

Tre prave diras D-ro Vallienne en Lingvo Internacia de Marto 1906: "Traduki estas trakonduki ideon el lingvo ia en alian lingvon," kaj li komparas Esperanton ne malprave al fama aktoro, kapabla ludi ĉiujn rolojn kaj vesti la ŝajnon de ĉiuj personoj.

Li diras: " Esperanto, kvankam ĝi restas ĝi mem, fariĝas angla por traduki Ŝekspiron, greka por Homero, latina por Virgilio, franca por Racino; kaj dank' al eksterordinara fleksebleco, kiu troviĝas en neniu alia lingvo, ĝi nin tiel iluziigas, ke ni preskaŭ kredas vidi realaĵon."

"En ĉiu literatura verko du aferoj estas konsiderindaj, sed du aferoj gravece tre neegalaj: la senco kaj la formo. La senco, fundamento de la ideo, estas konservota sentuŝe, kaj transportota senŝanĝe en la lingvon tradukantan; dum la formo estas konservota nur tiom, kiom permesas la nova idiomo al kiu ĝi devas sin alfari. Fine la formo rilatas al la literatura verko, kiel la parfumo al la floro, la bongusteco al la fama vino."

Ju pli do al tradukanto prosperas konservi la sencon kaj la formon, des pli bona estas lia traduko.

Kiel eĉ du verkistoj en sama lingvo ne havas tute saman stilon tiel ankaŭ esperantaj tradukoj havas kaj rajte devas ĉiam reteni ion de la karaktero ne nur de la aŭtoro sed eĉ de lia idiomo.

Mi elektis por traduko en Esperanton la humoraĵeton de Fritz Reuter "Wat bi 'ne Aewerraschung 'rute kamen kann," ĉar la subgermana dialekto, en kiu ĝi estas verkita, ne estas parolata kaj komprenata krom en malgranda parto de Norda Germanujo.

Oni estas dirinta, ke per traduko la karaktero de la Reŭter-a lingvaĵo nepre devus detruiĝi, kaj ke pro la multenuanceco de la esprimoj en la nuntempaj modernaj lingvoj, traduko en ilin ne estus ebla, ne fariĝante absurdaĵo.

Tio kompreneble ne povas rilati al Esperanto, ĉar ĉiu esperanta parolero havas leĝe fiksitan, firman, neŝanĝiĝan signifon kaj pro la riĉeco kaj fleksebleco de la vortmaterialo, kaj pro la absolute perfekta konjugacio, kiu mem estas mirindaĵo de logikeco, oni povas, kiel trafe diras sinjoro Beaufront: "esprimi per Esperanto, ciujn nuancojn de la homa penso pli bone ol per ia nacia lingvo.

Fari praktikan provon, ĉu Esperanto taŭgus por traduko el Reuter estis do tre alloga tasko.

Por konservi la veran karakteron de la rakonteto mi do penis reprodukti esperanten la ideon de ĉiu frazo kiel eble plej akurate kaj ne forlasante eĉ bagatelon el la teksto.

La ofta ripetado de "kaj," la uzo de la artikolo "la" antaŭ "sinjoro senatano," la esprimo "sinjorino senatana" kaj aliaj parolturnoj kaj ie ankaŭ la frazigado ŝajnos eble iom eksterordaj; tamen por la ĝusta kompreno de la uzadoj kaj kutimoj en Meklenburgo je la tiama tempo kaj por fidela traduko mi juĝis ilin necesaj.

La 15 ilustraĵoj estas speciale por tiu ĉi traduko faritaj per samlandano de Reuter, sinjoro Otto E. Lau en Stuttgart, kaj ili fidele prezentas la vivmanierojn, vestaĵojn k.t.p. en la tiama tempo.

Por certigi al mi, ke la traduko estu facile komprenebla internacie mi sendis ekzemplerojn al ok diverslingvaj (angla, ĉeĥa, franca, germana, hispana, itala, rusa kaj sveda) esperantistoj, por ke ili kritikadu, korektu kaj elmontru frazojn aŭ vortojn por ili ne bone kompreneblajn.

Mi uzis iliajn konsilojn kaj kritikojn por la forigo de naciisma esprimado kaj por plibonigo de la stilo.

Mi ŝuldas multon al miaj kunhelpantoj kaj aparte al sinjoroj P. Ahlberg, Stockholm; Vicente Inglada, Murcia; Ed. Kühnl, Prag; Alf. Michaux, Boulogne s/Mer; E. A. Millidge, London; al kiuj mi nun esprimas mian tre koran dankon.

E. ĈEFEĈ.

# . . FRITZ REUTER. . .



RITZ REUTER (Fric Rojt'r) naskita la 9an de Novembro 1810, en Stavenhagen, malgranda urbo de la grandduklando Meklenburgo-Ŝverino, estis originale kaj kontraŭ sia propra inklino destinata por la studo de leĝoscienco.

Lia patro—urbestro de Stavenhagen kaj mem leĝisto—eble nutris la esperon vidi, ke lia filo lin sekvos en lia profesio kaj ofico.

Sed la jaroj de la revolucia movado en la germanaj landoj efikis grandan ŝanĝon.

Maljuste suspektate kaj denuncite, li kun multaj aliaj studentoj estis arestata en Prusujo en la jaro 1833 pro la posedo kaj subteno de renversemaj ideoj.

Post tri jaroj de ekzamena reteno en diversaj prusaj fortikaĵoj li estis kondamnata je morto, tamen poste oni moderigis tiun ĉi punon je tridekjara malliberigo en iu fortikaĵo.

Oni igis lin esperi baldaŭan plenan liberiĝon, tamen ĝi ne okazis ĝis fine la prusa ŝtato per la persona influo de la grandduko Paŭl Frideriĥ de Meklenburgo permesis la transdonon de la arestito al lia propra patrujo.

Tiam post sep jaroj de mallibereco li sin trovis ree en mondo ŝanĝita kaj sen la moralaj fortoj por rekomenci sian studadon, ĉar la jaroj de la fortikaĵaj mizeroj estis detruintaj la energionj de lia vivo.

Nur modeste kaj malfacile al li prosperis gajni sufiĉe por la vivteno per la instruado de infanoj kaj okaze per la verkado de ŝercversoj uzataj je la vesperoj de edziĝaj antaŭfestoj.

Li unuafoje altiris al si la atenton de siaj propraj patrujanoj per la eldono de "Läuschen un Rimels" (rakontetoj kaj versetoj).

Ne povinte trovi eldoniston sufiĉe kuraĝan por riski la eldonon de tia verkaĵo en subgermana dialekto, Reuter fine decidiĝis mem publikigi la libron.

Reveninte el la presejo li tiel salutis sian edzinon :

"Ne ektimu, Luvinjo ! Mi ordonis ke oni tuj presu 1200 ekzemplerojn anstataŭ nur 600."

"Sed Fritz ! Ho ve ! Vi igos nin ŝulduloj."

"Ne, infanjo ! Tiel agi estas pli profita ; konfidu, mi zorge ĉion pripensis."

La unua eldonaĵo de 1200 ekzempleroj malaperis en 6 semajnoj. Ĉiutage alvenis pluaj mendoj, kaj la surprizitaj kaj feliĉaj geedzoj "ridis kaj ploris."

Poste sekvis la ĉefaj verkoj de Reuter "Ut mine Stromtid" (El la tempo de mia vagadeco), "Ut de Franzosentid" (El la franca tempo), kaj "Ut mine Festungstid" (El la jaroj de mia fortikaĵa mallibereco), kiuj fine starigis kaj alportis al li la tre meritan reputacion esti la plej alta germana humoristo de la 19a centjaro.

Fritz Reuter estis granda admiranto de Charles Dickens kaj efektive karakterizas liajn rakontojn la sama interŝanĝiĝo de humoro kaj pentrado de la malĝojigaj flankoj de la homa vivo, kiujn ni trovas en la verkoj de Dickens.

En la jaro 1863 la universitato Rostok lin honoris per la diplomo de "*doctor honoris causa.*"

Bedaŭrinde malheligis la vivadon de Reuter periode okazanta malsaneca inklino, kontraŭ kiu li vane bataladis.

Li estis malfeliĉa sklavo de perioda drinkemo, se ne tute kaŭzita de la suferadoj dum la fortikaĵa tempo, certe de ili grave influita.

Reuter per neresanigebla kormalsaneco mortis la 12an de Julio 1874.

Laŭ ADOLF WILBRANDT.

# KIO POVAS OKAZI, SE ONI DONACAS SURPRIZE.





KIAM la bela Kristnaska tempo proksimiĝis, kutimadis esti en nia domo multe da kurado, paroletado, sekretemeco kaj kaŝigado.

En unu ĉambron estis al ni infanoj tute ne permesite eniri.

Tie sidadis mia kara panjo kun kelkaj kudristinoj farantaj pro la Kristnaska festo novajn vestaĵojn por miaj fratinoj kaj por ni buboj, ĉar tiame la jakoj kaj pantalonoj por la buboj estis ankoraŭ farataj en la propra domo kaj ne de modaj tajloroj

Okaze oni kutimis alvoki unu aŭ alian el ni bandaĝinte liajn okulojn kaj teginte liajn manojn per saketaj gantoj.

Tiel li estis gvidata por la provevestado en la malpermesitan ĉambron.

La saketaj gantoj estis enkondukitaj de mia avino kiam la jaron pasintan mia plej maljuna fratino Elinjo ĉirkaŭpalpetadis per la manoj por eltrovi el kia speco de ŝtofo ŝia jupeto estis farata.

"Nu vidu la bubinon!" diris mia avino. "Kiel la friponetino estas ruza! Atendu, al tio ni volas meti baraĵon!"

Tiam ŝi almetis la gantojn, kaj de tiu tempo neniu plu estis enlasata en la ĉambron sen saketaj gantoj.

Se la gepatroj estas sekretemaj ankaŭ ni infanoj havis niajn sekretojn.

Antaŭ Kristnasko la argilaj ŝparmonujoj estis disbatataj kaj kio dum la jaro kolektiĝis estis elprenata. Tiam komenciĝis la aĉetado.

Mia patro regule ricevis de ĉiu el ni po unu krajono; ĉar ni sciis, ke, se ni donacus ilin kristnaske, ili estus redonataj al ni la tagon de la Novjaro.

Pli poste miaj fratinoj regule donacis al li paron da broditaj pantofloj, kiujn li ne uzis; ĉar post lia morto oni trovis sep parojn de tia speco en lia ŝranko

Se tiam ankoraŭ mia onklino Kristinjo ricevis novan kombilon kaj avinjo novan varman kufon — por kio ni ĉiuj kunhelpis — restis ankoraŭ la plej-multo de la mono por panjo.

Kaj tiam la kaŝemeco vere komenciĝis, ĉar la aliaj estis aferoj jam de longa kutimo antaŭfiksitaj kaj neŝanĝeblaj.

Fine fariĝinte decida kaj akirinte ian belaĵon ĉe la hebreo Majer je la difinita kondiĉo,—ĉar tio estis forte en ni internigita—ke oni povus ĝin ŝanĝi, mi iris en la ĝojo de mia koro al mia panjo kaj diris: "Panjo, mi ĵetos ion por vi julklape!" *

Ŝi kutimis respondi: "Nur ne diru, kio ĝi estas."

"Ne," mi diris, "al neniu mi parolos pri tio, sed nur al vi mi volas ĝin malkaŝi; ĝi estas ĉi-tielo!"

Nu, mi plimaljuniĝis kaj lernis silentadi. Estante do je la kristnaska tempo en la patra domo la unuan fojon kiel vizitanto de la alta lernejo mi estis tiel kaŝema pri mia donaco, ke ne eĉ mia onklo Matis sciiĝis pri ĝi.

Ĝuste, tamen, kiam mi estis okupata pri la

---

* "Ĵeti julklapon" (Julklappwerfen) estas nord-germana uzado ĵeti donacojn multoble enpakitajn kaj sigelitajn en la domojn dum la kristnaska antaŭvespero kun la krio "Julklapp." "Julfest" estas la norda krist-naska festo.

enpakado, uzante pli da sigelvakso, ŝnuretaĵo kaj papero, ol valoris la tuta afero, li eniris kaj demandis :

"Kion vi havas tie?"



Sed mi nun sciis silentadi kaj diris: "Nenion!"

"Ho! Nenion?" li demandis, "sed mi ja vidas, ke vi ion havas tie!" Mi rediris "Tion vi ne bezonas scii!"

"Ĉu tio estas deca respondo al via onklo?" Kaj—ŝvap—mi ekhavis survangon.

Ne malmulte ofendita mi eksaltis — ĉar mi estis terciano * — kaj mi demandis, ĉu pri tio li estas konscia.

Li respondis :

"Bedaŭrinde mi konscias, ke vi estas ankoraŭ malsaĝega bubo ; sed tamen, se vi estus la plej alta en la tuta lernejo, lasu daŭrigi inter ni ambaŭ la ĝisnunan staton.

Nu, mi do koleriĝis kaj furioziĝis ; ĉar el tiela dekkvinjara friponeto la malsanktulo ofte jam tre pinte kutimas elpuŝi siajn kornojn.

Mia onklo estis homo al kiu negrava petolaĵeto ne malkonvenis, sed en serioza afero estis "malbone manĝadi kun li ĉerizojn" ;† Mi do reentiris la kornojn.

"Nu do bone" li denove kaj kviete demandis : "Kion do vi havas ?"

"Onklo !" mi diris, "tion mi ne malkaŝos, ĉar mi volas surprizi per ĝi mian patrinon kaj sekrete fari al ŝi ĝojon.

"Efektive," diris mia onklo, "vi do volas ŝin surprizi ? Nu, lasu do min diri al vi ; dum mia vivo mi estas oftege surprizita, tamen mi fordonacus ĉiujn surprizaĵojn por unu pipo da tabako. El la sekretaj ĝojoj kiujn aliaj personoj al ni faras, ofte fariĝas veraj suferoj aŭ almenaŭ multe da ĉagreniĝo kaj tediĝo."

---

* ano de la tria klaso de germana alta lernejo, nomata "Gymnasium."

† popoldiro por montri, ke iu estas homo kun kiu malfacile estas trakti.

"Kiom da malagrablaĵo mi do havis iam kun via oklino Kristinjo? Mi sciis, ke ŝi, ne posedante skatoleton, ĉiam prenis flartabakon el papersaketo. Mi do decidis dum la pasinta somerfoiro sekrete fari al ŝi ĝojon kaj mi donacis al ŝi beletan flartabakujon. La ĝojigo, tamen, al mi tre malbone prosperis, ĉar ŝi jetis la objekton al mia kapo kaj diris, ke mi estas maljuna, malĝentilega fripono."



"Kaj nun, mia filo, kiel bela estis la surpriziĝo en la pasinta jaro, kiam ni havis la grandan lotu-

madon por la almozuloj, en kiu mi gajnis la ŝpinradon, via patrino la belan peltĉapon kun orkolora tufo, sinjorino Bolten la rajdpantalonon kaj lia pastra moŝto la turngurdeton!"

"Sed, onklo," mi diris, "je la Kristnaska tempo tio ja estas kutimo kaj tiaj malagrablaĵo kaj konfuziĝoj ne povas okazi."

"Ne fidu je tio," li rediris.

"Sidiĝu! La lecionon vi jam antaŭricevis Mi nun volas rakonti al vi la historion:"

* * *



KIAM antaŭ multaj jaroj mi loĝadis dum kelke da tempo en Parĥim, tiam vivis ankoraŭ en Güstrov la sinjoro senatano Carnekov kun sia edzino kaj sia filino, kaj kun ili loĝis ankaŭ lia bofratino.

Ĉiun matenon, kiun Dio en la ĉielo lasis okazi, la tri virinoj inter la dekunua kaj tagmezo promene



veturadis en malgranda ĉaskaleŝo havanta laŭlarĝe remburitan sidejon.

Antaŭe sidis sur malgranda deŝraŭbebla benketo la veturigisto.

Malantaŭe sur la benkoj sidis la senatanedzino kun la bofratino, kaj la filino veturis sur la laŭlonga remburitaĵo.

Unu tagon — mallonge antaŭ Kristnasko — eniris la veturigisto :

"Senatana moŝto," li diris, "dum la nokto oni forŝtelis el nia kaleŝo la veturigistan benkon.

Senatana moŝto Carnekov do ekmalbenante trapaŝadis la ĉambron kaj koleriĝadis.

Ĝuste kiam li sin okupis pri tio laŭ sia povo alveturis antaŭ la pordo lia bofrato la sinjoro senatano Darius el Parĥim.

Dum la tiama tempo la Parĥim-anoj preferadis senatanojn de matura, saĝoplena aĝo, jam grizhariĝintajn, kaj nur al la sinjoro senatano Darius, oni permesis kaj neriproĉe pardonis se li iam ekpetoliĝis, ĉar li estis ankoraŭ sensalajrulo.*

Li ja tia estis jam dudektri jarojn, kaj konvene li nun povus esti ĉesiginta siajn malgrandajn friponaĵojn, sed, pensis li : "Por kio ĝi estus utila ? Senpage mi ludas la rolon de senatana moŝto ; kial do malbelformigi mian bonvizaĝon per respektigaj mienoj."

Li daŭrigis do fari okaze ian friponaĵeton je la domaĝo de iu alia.

Mi tamen ne estus al iu konsilinta agi petole je lia domaĝo, ĉar tiam li kutimis eksterigi sian senatanan moŝtecon kaj kiom al li mankis je respektindeco, tiom plene anstataŭigis lia maltimemo.

Alvenante en la ĉambron la sinjoro senatano

---

* Traduko de *Supernumerarius*, kiu signifas oficiston ricevontan salajron laŭvice post eksiĝo aŭ morto de antaŭulo.

Darius estis tre gaja pro la revidiĝo kaj la sinjoro senatano Carnekov tre ĉagreniĝa pro la kaleŝa benkafero, kaĵ kiam alvenis la virinoj tiam estis duone ĝojo pro la revido de la frato kaj duone malĝojo pro la nerevido de la veturigista benketo.

Oni estis devigata maldaŭrigi la promenveturojn — la veturigisto ja ne povis sidi — kaj, ke



li veturadu kune kun la filino sur la laŭlarĝa remburaĵo, tio do ne estus konvena.

Pri tio oni nun iom diskutadis kaj fine ĉiuj iris kune rigardadi la lokon kie la autaŭbenko iam

estadis. Senatana moŝto Darius ĝin ankaŭ observadis tre zorge kaj interne rezonis: Ke tio eble estus bela Kristnaska donaco por lia fratino. Ke li bezonus iri Rostok-on tutegale pro sia granda proceso kaj ke tiam li ankaŭ povus samtempe prizorgi la kaleŝaferon.

Post la vespermanĝo la Güstrov-a kaj la Parĥim-a senatanoj kune sidadis kaj tre grave paroladis pri urbaj koncernaĵoj.

Kiamaniere oni kutimis agi en Güstrov koncerne la ekzamenon de la brulestingaj maŝinoj kaj en Parĥim koncerne la bovoviran bataladon.*

Kiel ofte la stratoj devus esti balaataj kaj kiamaniere la trelaŭdinda urbestraro bezonus sin enmiksi en tion.

Senatana moŝto Darius en la diskutado tamen tre superis sian bofraton, ĉar — sensalajrulo — li ankoraŭ havis multe da belaj novaj ideoj, kiuj al la senatano Carnekov responde la ĉiujaran enspezon de salajro — grade — pecpostpece — estis malpliiĝintaj.

Kiam ili ĉion tion estis priparolintaj pro la bono de la provinca ĉefurbo Güstrov kaj la provinca ĉefurbo Parĥim ili enlitiĝis kaj dormadis la dormon de la justuloj.

---

* La unuan de Majo oni kutimis ellasi la bovinaron en la paŝtejon kun la bovoviroj, kiuj komencis tuj sin korne ataki ĝis unu el ili fariĝis venkinto. Tiam estis paco. La urbloĝantoj eliris rigardadi la bataladon kaj la urbestraro devis provizi rimedojn por ilia protekto.

" Kiom koncernas min," diris mia onklo Matis, gratante sian kapon kvazaŭ li ankaŭ atendis, ke novaj ideoj en ĝi estus naskiĝantaj, " mi ne povas ne meti la demandon : Kial—se la urbestroj ĉiujare tenadas siajn polic' kaj brulkunvenojn—ne ankaŭ la senatanaj sinjoroj dece havas kunvenojn pri brulestingilaj kaj bovoviro-batalaj aferoj, kompreneble je la kosto de la urboj. Ĉar estas fakto—de la tempo, kiam niaj du sinjoroj konvene priparoladis tiun aferon, la estingiloj en Güstrov kaj en Parĥim estas ĉiam ekzamenataj antaŭ la ekbruliĝo, kaj la utilo de tiu ĉi aranĝo do estas evidenta."

La sinjoro senatano Darius do veturis Rostok-on kaj post kvin, ses tagoj li revenis havante malantaŭe en sia kaleŝo grandan keston. Ĝin ekvidante lia bofrato demandis :

" Kio estas en la kesto ? "

La senatanon Darius piketis lia friponetemo kaj lia nesalajriteco lin kuraĝigis. Li do pensis, faru mi ŝerceton, kaj diris :

" Nu, imagu ! mi renkontis en Rostok montriston de sovaĝaj bestoj. Li ankaŭ havis ĝirafon kaj okazis, ke la besto tie pereis. Ĉar la direktoro de nia alta lernejo intencas starigi naturaĵejon por sia lernejo mi pensis, ke tia ĝirafo do estus bona komenco kaj sciante, ke tio farus al li ĝojon, mi kunportis la ostaron kaj la felon."

Kia estos ilia surpriziĝo, li pensis interne, kiam ili scivoleme malfermos la kestegon, por vidi la ĝirafon, kaj ili trovos la veturigistan benkon.




Tamen senatana moŝto Carnekov kaj liaj virinoj ne estis scivolaj pri ĝirafoj. Kiam la sekvantan matenon la senatano Darius estis forveturinta kaj intence forgesinta la keston, lia bofrato trapaŝante la garbejon ekvidis do la keston kun la ĝirafo kaj li ekdiris :

" Dio mia ! Darius estas forgesinta sian

ĝirafon !"—"Finjo, kuru kaj penadu trovi okazon por ekspedi je Parĥim !"

Tiu ĉi estis do baldaŭ trovita kaj la sinjoro senatano Carnekov diris al la veturigisto :

"Letero ne estas necesa. Salutu multefoje, kaj diru, ke mi sendas ĉikune lian ĝirafon."

La veturigisto en Parĥim veturis antaŭ la pordon de la sinjoro senatano kaj kiam li estis deŝarĝanta la keston, staris antaŭ sia pordo la maljuna oraĵisto Bohn kaj demandis :

"Kio estas en la kesto?"—"Ĝirafo," diris la veturigisto.

Oraĵisto Bohn rakontis tion al hebreo Frojdental, kaj hebreo Frojdental al brandfaristo Staŭdi, kaj brandfaristo Staŭdi al bakisto Hilgendorp, kaj pasis ne unu horo tiam sciis la tuta urbo : "Senatano Darius akiris ĝirafon."

Dume la senatano Darius revenis el la senato kaj kiam li eniris sian straton maljuna Joĥen Hilgendorp staris antaŭ sia pordo kaj diris :

"Bonan tagon, senatana moŝto! via ĝirafo ĵus alvenis."

"Kion, diablo!" pensis la senatano, kaj kiam li alproksimiĝis al sia domo diris maljuna Bohn :

"Senatana moŝto, kiam vi ellasos la ĝirafon el la kesto montru la bestegon, mi petas, ankaŭ al mi!"

Kiam lia senatana moŝto iom timigite atingis la vestiblon—vere—tie staris lia ĝirafokesto.




“Kia malsaĝegulo, mia bofrato!” li ekkriis.

“Mi intencis prepari al li ĝojan surprizon kaj li min igas ridindegulo antaŭ la tuta urbo. —Forigu la malbenatan keston el mia domo.”

La sinjorino senatana Darius do ĉirkaŭe demandigis inter la negocistoj de la urbo, ĉu

eble iu scius pri ia okazo por ekspedi je Güstrov kaj Rostok, dirante, ke ŝi bezonas sendi ian kestegon je Güstrov kaj nombron da malplenaj vinbareloj Rostok-on.

Ŝia servistino baldaŭ revenis kaj diris: "Saluton de S-ro negocisto Ciĥurius: la veturigisto Snakenborg veturos morgaŭ tra Güstrov Rostok-on kaj la sinjorino senatana nur bezonus sendi la objektojn kaj li prizorgus ĉion."

Nu, tio do fariĝis kaj la sekvantan matenon, kiam la veturigisto estis forveturonta diris la negocisto Ciĥurius:

"Nu? Kaj la kesto de la senatana sinjorino ....?"

"Ho, jes" ridetis la veturigisto "la kestego kun la ĝirafo!" "Mi scias—mi scias! Mi parolis kun la senatana sinjorino mem.—Komika afero, sinjoro Ciĥurius!"

"Nu bone, vi do ĉion scias" diris la negocisto kaj la veturigisto forveturis. Nu, oni do spritadis iom forte pri la ĝirafafero de lia senatana moŝto, kaj lia kara edzino devis multe suferadi pro lia ĉagreniĝo. Sed post tri, kvar tagoj ĉio grade reordiĝis, kaj ian posttagmezon la sinjorino senatana tre komforte sidis trinkanta sian kafon kaj al si diris:

"Estu dankeg' al Dio, ke la malbeninda afero fine estas preterpasinta."

Tiam la pordo malfermiĝis kaj eniris la leterportisto kun du leteroj, unu adresita al la

sinjoro senatano kaj la dua al la sinjorino senatana—ambaŭ venintaj el Rostok.—

La sinjorino senatana malfermis la sian sed dum la legado ekfalis ŝiaj brakoj laŭlonge ŝian talion kaj ŝi ekriis:

" Patro ĉiela! Kion signifas tio?"—

Ŝi legis kaj legadis sed ĉiam la samon: La vinovendisto Alers en Rostok skribis al ŝi, ke la vinbareloj bone alvenis, sed ankaŭ kestego, en kiu laŭ diro de la veturigisto estas entenata ĝirafo, kaj li nun demandis, kiel ĝin pritrakti.

Ĝuste kiam ŝi malesperante iris tien ĉi kaj tien en la ĉambro, alvenis mi—via onklo Matis—kaj ŝi sin starigis antaŭ mi kaj diris:



" Onklo Matis—ĉar ĉi tiutempe jam ĉiu min onklumis—kio okazis, kio okazos!— Ĉu vi scias kie nun estas la malbeninda ĝirafo?"

—" En Güstrov" mi diris.

—"Ne, en Rostok" diris ŝi kaj rakontis al mi detale la tutan okazintaĵon aldonante ke, se ŝia edzo aŭdus pri tiu ĉi okazaĵo, li eble tiel furiozus ke al ŝi restus ne unu kvieta horo, kaj tiam ŝi kompatige ekploradis.

Mi, kompreneble, estis devigata min deturni, ĉar min atakis ridemo, tamen mi baldaŭ kristane trankviliĝis kaj ŝin konsolante diris:

"Nu, ĉesigu tion, ĉar ni fine aranĝos ĉion ĝuste pri tiu ĝirafafero. Morgaŭ mi bezonas iri Rostok-on kaj se vi volas konfidi min," diris mi "mi zorgos, ke la sensprita ĝirafo estos ĝuste kaj rekte liverata al la sinjoro senatano Carnekov, kiam mi revenos tra Güstrov. Hodiaŭ estas mardo kaj vendredon ni havas Sanktan Vesperon. Ĝi do alvenos ankoraŭ ĝustatempe."

Nu, tio do ŝin reĝojigis kaj ŝi min dankadis. Tiam eniris senatana moŝto Darius kaj diris: "Bonan vesperon!" kaj ĉiam palpebrumante, ke, pro mia vivo, mi diru neniom, ŝi donis al li la leteron el Rostok.

Li legis la leteron kaj post legado li ĵetis ĝin tediĝe sur la tablon kaj diris:

"Al la diablo la proceso; morgaŭ mi devas ree Rostok-on veturi!"—

"Tio kuntrafas bele" mi diris, "ĉar mi ankaŭ bezonas tien iri. Ni do vojaĝos kune."—

Ni priparolis kaj aranĝis do ĉion kaj frue la sekvantan matenon, ni sidis en la kaleŝo kaj veturadis kune Rostok-on.

Alveninte en Güstrov mi diris:

"Ĉu vi ne volas iom viziti vian bofraton dum la tagmeza furaĝado?"

"Ne" respondis la sinjoro senatano kaj koleriĝis: "Mia bofrato estas malsaĝulo kaj lia virinaro ne estas alia. Dum mi sekrete intencis fari al ili ĝojon, ili ridinduligis min antaŭ la tuta mondo."

"Ho, ho!" mi diris, "pro la ĝirafo."

"Fermu vian buŝegon" li ekkoleris, "Nenion plu mi volas aŭdi pri tio. Mia bofrato nun havas la keston, kaj mi ne volas ke li min moku."

Ni do atingis Rostok-on kaj gastiĝinte en la "Suno" ni ricevis du apudajn ĉambrojn; mi la numeron 8 kaj li la numeron 9.

Supreniginte mian nemultan paketaĵon, mi decidiĝis, ke mi tuj zorgu pri miaj aferoj kaj antaŭ ĉio, ke mi iru al la vinovendisto Alers.

"Bonan tagon, Alers!" mi diris—ĉar ni konis unu la ilian—"Vi ricevis ian kestegon de la sinjorino senatana Darius el Parĥim, ĉu ne vere?"

"Jes," li diris ridante, "en kiu sin trovas la ĝirafo."—

"Ĝuste," mi respondis. "Bonvolu do sendi ĝin morgaŭ frue en la 'Sunon.' Mi loĝas en numero 8."

"Bone" li respondis, "se tamen la bestego estis viva, mi timas, ke ĝi eble nun estas mortinta, ĉar ni ĝin ne nutris."

"Estas indiferente" mi diris "kaj foriris."

Reveninte je la vespero en mian loĝejon m volis eniri mian ĉambron, kiam la kelnero diris:

"Ne, sinjoro, tien ĉi! Vi loĝas en numero 9. Al lia senatano moŝto la lito estis tro mallonga kaj li do ŝanĝis kun vi."

"Jes" mi diris suspektante nenian malbonon, "kiel li estas longa," kaj mi enlitiĝis kaj dormis ĝis la sekvanta mateno.

Leviĝinte kaj jam trinkante mian kafon mi aŭdis apude en la koridoro teruriĝan tumulton, kaj rigardante scivole el mia pordo mi ekvidis la senatanan moŝton Darius ĉirkaŭe saltantan en blanka ĉemizo.



Malbenante kaj bruegante li ŝaŭmis de furiozo kaj apud kesto iom granda staris du laboristoj tordantaj siajn ĉapojn kaj gratantaj siajn kapojn.

"Kio okazis?" mi demandis.

"La malbenata ĝirafo" ekkriis la sinjoro senatano kaj, brue puŝegante la pordon en maniero, ke ektremegis la domo, li resaltis en sian ĉambron.

Nu, mi okulsignis al la laboristoj, ke ili portu la keston en mian ĉambron kaj metu ĝin apud la liton; kaj mi superĵetis la litkovrilon.

Post ne longe la sinjoro senatano venis min viziti kaj sidiĝis tute senzorge sur sian ĝirafkeston koleriĝante pri la homaro kaj malbenante la mondon: ke tio estas antaŭmeditita konspiro kaj ke li bone konadas siajn amikojn en Parĥim, kiuj estis tion por li aranĝintaj kaj ke tamen li ilin rememorus.

"Kien do vi ekspedigis la keston?" mi demandis.

"Ke ili ĵetu ĝin en la Varnov-on, mi ordonis al la homoj," li kriis.

"Nu, trankviliĝu do" mi diris, "eble ĝi tie nun kuŝadas."

Ni tiam parolis pri nia vojaĝo kaj la neceseco forveturi antaŭ tagiĝo, ĉar la degelema vetero estis tre malboniginta la vojojn.

Rimarkante ke li estis forironta mi diris— ĉar la ĝirafafero min ege tiklis:—

"Senatana moŝto, sidigu vin prefere sur seĝon, ĉar eble vi povus trasidi la kovrilon de la kesto."

"Kiun keston?" li demandis alten eksaltante, kvazaŭ lin estis mordinta vipero.

"Ho!" mi diris, deprenante la kovraĵon kaj eble iom ridetante, "vian ĝirafokeston."

Iom da tempo li staradis havanta la mienon de bovoviro autaŭ kies okuloj oni svingadis ruĝan tukon, ekrigardante jen min, jen la keston.

Mi jam pensis, ke li furioze ekprenos mian hararon, kiam, kraĉante iom da fojoj antaŭ sin, li piedfrapis la keston:

"Malbenegata ĝirafafero!" kaj for li estis tra la pordo.

Dum la tuta tago li ĉirkaŭiradis min kiel katino varmegan kaĉon, ĉiam timeme observante min el la malproksimeco.

Kiam ajn mi lin ekrigardis, li vidis flanken, en maniero ke mi devis demandi min: "Kio nun do fariĝos?"

"Eble li ne veturos kun vi morgaŭ."

Cetere mi promesis al la sinjorino senatana kunporti la keston Güstrov-on.

Se li sciiĝus, ke la kesto estas en la sama veturilo, li ja nature tute ne kunveturus.

Mi do petis la kelneron, ke li enpaku la keston en nigran vakstolon kaj mi alvokis mian veturigiston kaj diris:

"Joĥen, prenu la keston kaj metu ĝin hodiaŭ vespere en la kaleŝon, kaj se la sinjoro senatano vin demandos, kio estas en ĝi, tiam diru: nova angla selo, kiun mi devas kunporti por Ŝregel en Möderic."

La sekvantan matenon la sinjoro senatano veturadis do kun mi, kaj en la mallumo forveturante tra la mola vojo—ĉar ĉio iam estis degelinta—li ne parolis eĉ unu vorton.

Tiele ni atingis Hohen-Sprenc, kie ni intencis donigi panon al la ĉevaloj kaj malsuprenirante de la kaleŝo li ekvidis la nigran keston.

Li iom ekmiregis kaj timete rigardadis la keston, kvazaŭ oni estis kroĉinta ian fantomon al la postaĵo de la kaleŝo, kaj kvazaŭ tio ŝajnis kaŭzi al li malkomfortecon.

Enirante la ĉambron mi vidis, ke li parolis kun Joĥen.

Tiu ĉi supozeble estis krediginta al li la fabelon pri la selo, ĉar, ankaŭ enirante, li estis tute gaja kaj eĉ jam babiladis.

Tiamaniere ni alvenis en Güstrov je la duono de la posttagmezo, kaj atingi ankoraŭ Parĥim oni tute ne povas plu esperi.

Dum ni do kune sidadis en la gastejo, mi post mallonge ekdiris :

"Estas hodiaŭ Sankta Vespero" — "Jes, estas Sankta Vespero" li rediris.

"Ĉu vi ne intencas iom viziti vian bofraton?"

"Ne," li respondis lakone.

"Nu, bone," mi diris, "tiaokaze mi volas por mallonge tien iri, ĉar ni bone konas unu la alian kaj tielan vesperon mi preferas do pasigi en hejmo familia ol esti en gastejo," kaj, alĝustigante mian koltukon mi ekstariĝis.

Ke tute fremda homo tien intencis iri sen li, eble iom lin ĉagrenis, ĉar li ankau stariĝis kaj diris:

"Nu, tiuokaze mi do volas iri kun vi."

Kaj ni iris kune.

Tamen antaŭe mi jam estis dirinta al Johen:

"Je ĉirkaŭ la oka vi prenu la nigran keston kaj metu ĝin en la vestiblon de la sinjoro senatano Carnekov, ekkriante kiel eble plej laŭte: Julklap!"

Kiam ni alvenis ĉe la senatano Carnekov, jam mallumiĝis.

En la bela varma ĉambro ĉio estis hela per kandeloj; kaj ankaŭ estis helaj pro ĝojo esperota la mienoj de la virinoj kaj de la senatano.

Tiam ankaŭ malfermiĝis la koro de la senatano Darius.

Sed tio ne estis daŭronta longe.

Apenaŭ li estis bone varmiĝinta kaj komforta, tiam la sinjoro senatano Carnekov alproksimiĝis al li, metis tute amike sian manon sur lian ŝultron kaj diris:

"Nu, kara bofrato mia, ĉu vi do bone ricevis vian ĝirafkeston?"

Sinjoro senatano Carnekov observadis iom suspekteme liajn okulojn, kvazaŭ demandante, kiel tio estas intencata.

Tiam li ekrigardis min, ĉu mi eble ridis; sed vidante, ke lia bofrato faris mienon tute honestan kaj mi tute nekulpan—ĉar mi perforte subpremis la ridemon—li diris malceremonie:

"Jes, jes, kaj ĉio estas en ordo."



Sed nun la virinoj venis kaj demandis :

"Ĉu la direktoro de la lernejo multe ĝojis ?"

"Ĉu la bestego jam estis pajloŝtopita ?"

"Kiel granda la kreitaĵo estas ?"

Kaj ili faris al lia senatana moŝto turmentojn de Judaso, kaj li ŝoviĝante sur sia seĝo tien ĉi kaj reen nur diris : "jes" kaj "ne," dispecigante fidibusojn* kaj kolerete ilin disĵetante ĉirkaŭ sin en la ĉambro.

Tamen baldaŭ la surprizigado komenciĝis kaj ĉesigis ĉiujn malagrablaĵojn.

La senatanedzino ricevis novan nigran silkrobon—pro silko tiel rigidan, ke oni preskaŭ povis starigi ĝin en la angulon—; kaj la sinjoro senatano ĉambran dormvestaĵon—por ke li ne estu sola kun sia dormo en la senatejo—; kaj la bofratino duonan Stuart-kolumon—ĉar la alia duono

---

* En pipfumanta Germanujo dum la sulfuralumeta tempo oni uzis kunfalditaj paperetojn por bruligi la pipoin, kiujn oni nomis *fidibusoj*.

ne ankoraŭ estis preta—, kaj du parojn kaj duonan da ŝtrumpoj, ĉar unu ankoraŭ estis trikata de la filino—; kaj kudrotablon al kiu ankoraŭ mankis la piedoj kaj la supraĵo.

La filino ricevis tiom multe, ke per ĝi bone du filinoj—de la kapo ĝis la piedoj—povis esti veste dotataj.



Tiam estis enportata granda punĉujo kaj kukaĵo kaj nuksoj kaj pomoj kaj nun la festa gajeco vere komenciĝis.

La sinjoro senatano trairadis la ĉambron pinĉante de la kandeloj la meĉan debrulaĵon; kaj murmurante inter la dentoj iun gajan melodion li okulangule rigardis min ridante kaj diris al mi mallaŭte:

"Tio nur estas la antaŭgusto, la plej bela venos poste; mi havas ankoraŭ por miaj virinoj plezurigan surprizon."

Tiam ankaŭ la senatana sinjorino kliniĝis al mi kaj diris:

"Vidu, kiel gaja estas Carnikov; sed kiel li eksaltos poste, kiam ni surprizos lin julklape"

Daŭris do ne longe kiam la surprizado vere komenciĝis.

"Julklap" kriis iu tra la pordo enpuŝante en la ĉambron grandan toltegitan pakaĵon.

Adresita ĝi estis al la sinjoro senatano. Li do ĝin malpakis kaj kio elvenis?—Nova veturigista benko.

Komence lia senatana moŝto faris mienon iom necertan, rigardante la virinojn kiel bovino la novan pordegon*; sed dume al li venis ia ideo kaj li diris al si: "Nu vidu tian ruzulinaron! Ili elspionis mian donacon kaj nun ili intencas superverŝi min per mia propra saŭco.* Tio estas bela ŝerco," li aldonis laŭte kaj ekridante demandis:

"Nu, ĉu tio do faras al vi plezuron?"

Sed lia virinaro ankaŭ ridadis kaj lia bofratino demandis:

"Pri tio do, Carnekov, vi certe ne pensis?"

"Pensis......? Mi ne pensis......? Nu, kiu do pensis pri tio?" "Mi pensis—pensis mi......"

"Jes," diris ŝi, "kaj mi pensis, ke pri tio vi tute ne estus pensinta, kaj ke ĝi estus surprizaĵo por vi."

"Por mi ......?"—ekdemandis lia senatana moŝto tute konfuziĝe. "Jes, por vi," diris lia edzinjo.

* Subgermanaj proverboj.

"Tio eble estas........." diris la filino.

"Julklap" denove kriis iu tra la pordo enŝovante similan pakaĵon adresitan al la sinjorino senatana.



Kaj kion ĝi entenis?— Novan veturilan antaŭbenkon.

Sinjoro senatano Carnekov ekrigardis jen sian virinaron, jen min kaj poste sian bofraton Darius, kaj fine li diris :

"Nu, du benketojn! Tio povas utili."

"Du benketojn!" ekkriis lia edzino kunplektante la manojn kaj dirante:

"Bona Dio! Carnekov, ni pensis......"—"Jes," diris li, "kaj mi ankaŭ pensis......"

Kaj tiam ĉiu rekomencis sin defendadi, kaj el la defendiĝado fariĝis vera tediĝo.

Nur la sinjoro senatano Darius ridadis sekrete kaj sin klinante al mi li diris:

"Milfoje dankon al Dio, ke mia malbeninda kesto estas vojaĝanta—scias la diablo kien—'se ĝi ankaŭ estus alveninta hodiaŭ vespere, la afero estus perfekta."

"Julklap" ekkriiĝis el la vestiblo.

"Bele," mi diris al mi mallaŭte, "Malbona sorto, iru vian vojon!" ĉar mi ekkonis la voĉon de Joĥen.

La pordo malfermiĝis kaj envenis mia nigra kestego kun la surskribo: Al la gesinjoroj senatanaj Carnekov; ĉar tiun ĉi mi antaŭe estis alglutinta.

Apenaŭ ekvidinte la nigran keston sinjoro senatano Darius eksaltis, ĉirkaŭiradis la keston kaj rigardadis ĝin—kvazaŭ li malkomfortiĝis, kvazaŭ li havis dentdolorojn kaj oni estus elpakonta el la kesto la ilaron por eltiri la dentojn.

Li rigardadis la keston kvazaŭ li intencis per siaj okuloj mortbati la diablon, se li eble estus en ĝi.

"Tio ŝajne estas......?" li diris min rigar-

dante kvazaŭ mi estis perfidinta Prenclaŭ-on*, tio ŝajne estas......?"

"Al mi kaj mia edzino adresita" diris la senatano Carnekov, detranĉante la nigran vakstolon.



Sed apenaŭ ekaperis la nuda kesto kun la signaĵo, kiam la sinjoro senatano Darius flanken puŝis la sinjoron senatanon Carnekov kaj —

* proverba frazo por esprimi grandan embarasiĝon.

baf — sin sidiĝis sur la kovrilon de la kesto supertirante siajn baskojn.

Estas eraro!" li kriegis, "estas eraro! Ĝi entenas selon por Ŝregel en Möderic."

"Ne!" diris la sinjoro senatano Carnekov, "ne!" diris la sinjorino senatana, "ne!" diris ambaŭ aliaj virinoj kaj "ne!" diris ankaŭ mi, "li nur volas fari ŝercon."

Li estis do kun multe da ridado altentirata kaj kiam la signoj de la kesto fariĝis videblaj, ekriis la sinjoro senatano Carnekov:

"Je mia vivo!" Darius, "tio ja estas via ĝirafkesto!"

"Malbenegata kesto!" kriegis la sinjoro senatano.

"Lasu min for! lasu min for!" "mi volas hejmen!"

Tamen inter li kaj la pordo staris la virinoj kaj ili ekscitiĝis kaj babiladis: kvankam fariĝis nun konate, ke la donaco venis de li, ĝi tamen estas ankoraŭ surprizaĵo por ili, ĉar neniu jam scias kio estas en la kesto.

La sinjoro senatano en silenta furiozo sin ĵetis en la sofangulon kaj kolere ridegante per la tuta vizaĝo ekkriis:

"Bele! do bele!" "Nu! do lasu vin surprizi! Mi havas sufiĉegon da tia afero."

"Kaj vi," sin turnante al mi. "Vi povas morgaŭ veturi sola! Ne eĉ unu paŝon mi veturos kun vi!"

La kesto nun estis malfermata kaj kio elvenis?—Nova veturigista benketo.

—Dio mia! Kian mienon faris sinjoro senatano Carnekov kaj kian lia kara familio!—

Dume ekkaptis la sinjoron senatanon Darius akra humoro kaj li plengorĝe ekridis:

"Jen, Carnekov, vi malspritulo. "Per via postsendado de la kesto vi faris min la strigo de la tuta Parĥim*, sed nun vi havas la ĝirafon!"

"Jen, Carnekov, se tio venas, tio venas amase!"†

"Jen, Carnekov, nun lasu nin starigi ĉiujn tri en unu vicon, por ke vi do plibone povu superrigardi viajn surprizaĵojn!"

"Jen, Carnekov, nun mankas nur unu kaj ĉiu el vi havus sian propran privatan antaŭbenkon!"

Sed pro teruro paliĝante li vidis, ke ekmalfermiĝas la pordo.

Eniris Fridriĥ la senatana veturigisto portanta ion sur la ŝultro kaj diris:

"Via senatana moŝto, je la vespero de la Sankta Kristfesto mi volas fari al vi plezurigan surprizon; nia malnova veturiga benko estas retrovita."

---

* Meklenburga proverbo signifanta *ridindul igi*.

† Ankaŭ proverba frazo en kiu *tio* signifas bonan aŭ malbonan sorton.



"Jen, ĝi estas!"

Kaj tiam li metis en la ĉambron la kvaran benketon.

• • •

"KAJ nun, mia filo, aldonis mia onklo, tiuj ĉi sekretaj ĝojigoj kaj surprizoj espereble al vi sufiĉos."

"Nu, elektu do el ili iun laŭ via gusto kaj nun montru al mi kian surprizon vi intencas fari al via patrino?"

Mi do malvolvis mian pakaĵon kaj kio elvenis? —Okulvitroj.—

"Ni vidu!" li diris, "okulvitrojn?"—

"Kaj kial vi havis tiun ĉi ideon?"

"Nu," mi diris, "unu vesperon antaŭ nelonge, kiam ni estis sidantaj ĉirkaŭ la tablo, panjo volis tiri fadenon tra kudrigilo, kaj pri tio ne bone prosperante ŝi tediĝis kaj diris: Nenio utilas, mi estos devigata aĉeti okulvitrojn; kaj tion mi notis."

"Nu bone, iru kun mi!" diris mia onklo kaj alvokinte mian fratinon Elinjon li ŝin demandis:

"Elinjo, kion vi donacas al panjo?"

"Sed ne parolu, onklo," ŝi diris:— "okulvitrojn."—

"Kaj vi, Aŭgusto?"—

Aŭgusto tiame estis tia bona rondvanga dikuleto iomete balbutema, kaj se li embarasiĝis, li ne povis eligi unu vorton, sed kanti li povis. Tial onklo Matis lin estis instruinta, ke ĉe tiaj okazoj li kantu sian respondon.—

Aŭgusto do faris larĝeman vizaĝon kaj komencis balbuti.

"Kantu, bubeto!" diris onklo Matis, kaj Aŭgusto do ekkomencis per bela, klara voĉo laŭ la melodio de la "virgulina krono": *



"Donacas vitrojn ankaŭ mi—
Violkolora si—i—il—ko."

"Bele, mia fileto!" diris onklo Matis kaj sin turnante al mi:

"Kion vi diras nun?"— Mi diris nenion.

"Ne vere?" li daŭrigis "via panjo pro la tri paroj da okulvitroj eble pli estus ĉagreniĝinta ol sentinta plezuron; kaj se ŝi ne estus tia saĝa

* El la opero "Freischütz."

virino, eble ŝi povus esti trovinta en tio ian ofendan aludon."

"Venu tien ĉi!" li aldonis irante al la fenestro.

"Kio kuŝas tie sur la strato?"

"Neĝo," mi diris, "estas ja vintro."

"Ĝuste!" li diris, "kaj la neĝo kaj la vintro pasos kaj la printempo alvenos, tamen ne subite sed grade iom post iom; kaj tiel ankaŭ fariĝas kun la somero kaj la aŭtuno tra la tuta jaro ĝis denove la vintro proksimiĝas."

"Kaj se nia Dia Sinjoro nin foje surprizas dum la vintrotempo per malvarma akra nordavento, tiam vi infanoj ekkaptas nazkatarojn kaj ni maljunuloj malvarmumas mortdanĝere. Sed tion faras nia Dia Sinjoro kaj li scias por kio ĝi estas bona."

"Se tamen ni homidoj lin volas imiti, ni faras malspritaĵojn kaj nin igas absurdaj."

"Ĝojoj kaj suferoj nin trafantaj neatendite estas dutranĉa glavo, kiu postulas fortan kapon kaj fortan koron por antaŭgardi, ke ĝi ne nin pereigu."

"Jes, mia filo, ankaŭ la ĝojo, kiam ĝi venas neatendate havas kunguston — de tediĝo kaj embarasiĝo, se ĝi estas malgranda — de venonta malfeliĉo, se ĝi estas granda."

"Rigardu la muelserviston, kiu ĵus portas la buŝelon da tritikfaruno en tiun domon."

"Se li gajnus hodiaŭ la grandan premion en la loterio, li estus la plej malfeliĉa homo por la resto de sia vivo, kaj se morgaŭ la reĝo de Prusujo petus

la manon de nia kuiristino—kion ŝi eble imagas esti okazebla, ĉar la malsaĝa kreitaĵo legas romanojn—tiam ŝi estus kiel reĝino ridindegaĵo por la tuta lando, ĉar ŝi estas kaj restos ĉifonema malzorgulino, kaj ŝi ne eĉ taŭgas por esti kuiristino."

"Ĉiu prudenta kaj sperta terkulturisto diras, ke la jaro, kiu pasadas trankvile kaj regule, estas la plej benata kaj riĉa, kaj mi diras al vi: la plej feliĉa homa vivado estas tiu, kiu restas kiel eble plej multe libera de surprizoj."

Tiam li turniĝis kaj lia bona gajema mieno estis fariĝinta malĝoja.

Nun mi scias, ke li estis prava.

Tiame mi ne jam volis lin tute kredi, sed lian parolon mi tenis parkere kaj por mi ĝi havis unu utilon:

Neniam dum mia vivo mi partoprenis en ia loterio.



## Ce livre est redigé dans la langue Esperanto.

Le but de la langue internationale "**Esperanto**" n'est pas de détrôner les idiomes maternels, elle n'est qu'une seconde langue à la portée de tous. N'importe qui peut apprendre sa grammaire en une heure. Un homme moyennement instruit connait déjà 75% du vocabulaire. Il n'existe aucun volumineux dictionnaire, d'exceptions ou d'irrégularités. Tout texte **Esperanto** peut être compris sur-le-champ à l'aide d'une **Clef Esperanto**, à obtenir contre timbre 10 cts. par

ED. BRÉON, 6 rue du Levant, VINCENNES (Seine).

---

## Dieses Buch ist in der Esperanto-Sprache geschrieben.

Das Ziel der internationalen Sprache "**Esperanto**" ist nicht die bestehenden Idiome zu ersetzen, sondern eine zweite Sprache für Alle zu sein. Die Grammatik derselben ist in einer Stunde erlernbar. Es gibt weder Ausnahmen noch Unregelmässigkeiten und kein Lexikon, sondern nur eine Anzahl Stammworte, die Jedem mittlerer Bildung bereits zu Zweidrittel bekannt sind. Alles in **Esperanto** Geschriebene ist sofort, ohne Vorstudium, mittelst eines **Esperanto-Schluessels** lesbar, erhältlich gegen 10 Pfg. Marke durch

J. BOREL, Prinzenstrasse 95, BERLIN, S.

---

## Questo libro è scritto in lingua Esperanto.

La scopo della lingua internazionale "**Esperanto**" non è di detronizzare gl'idiomi esistenti ma bensi di offrire una seconda lingua alla portata di tutti. Chiunque può imparare la grammatica di essa in un'ora. Una persona d'una discreta istruzione conosce già il 75% del vocabolario. Non esiste alcun voluminoso dizionario, non vi sono eccezioni nè irregolarità. Qualsiasi tema **Esperanto** può essere comprezo immediatamente coll'aiuto di una **Chiave dell' Esperanto**, che può aversi dietro francobollo 10 cmi. da

adv. RAFAELO BAGNULO, Largo Gesù e Maria 4, NAPOLI.

---

## This book is written in the Esperanto language.

The aim of the international language "**Esperanto**" is not to displace existing idioms, but to be a second language for all. Its grammar can be learnt in an hour. There are no exceptions irregularities or bulky dictionaries, but only a number of root words, three-fourths of which are already known to every man of medium education. Everything written in **Esperanto** can be translated at once, without previous study, by means of an **Esperanto Key**, obtainable for a penny stamp through

H. F. SEXAUER, 13, Arundel Street, Strand, LONDON, W.C.